


Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY. Fr. SCHOOFS. Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO: Fr. 20,—
EKSTERLANDO: Belgoj 5.—
ANTVERPENO
1928

15a JARO N-ro 1 (167) JANUARO 1929.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Abonoj kaj Monsendoj : |
| --- | --- |
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543.74 | Poŝtĉeko No 39984. |

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# AL NIAJ ABONANTOJ

Jaro de peniga laboro kuŝas malantaŭ ni. Ĝi estis malfacila. Tiun laboron ni tamen faris kun la plej granda amo al la komuna idealo, kiun la Esperantistoj signis al si. Krom tio, ke nenio estas perfekta en la mondo, ni havas konscion pri plenumita devo. Al ĉiuj, kiuj helpis nin atingi tiun rezultaton, ni eldiras ĉi tie nian plej amikan, nian plej koran dankon.

* * *

Sed, ni ne plu pensu pri la pasinta febroplena periodo, kaj ni rigardu la estontecon.

La Universala Kongreso de Antverpeno lasis, ne nur en la kongresurbo, sed en la tuta lando belga fortan impreson. Ni ne kutimas trograndigi la situaciojn favorajn al ni, sed ni rajtas diri, ke post nia lastjara mondfesto, Esperanto plifirmigis sian pozicion en Belgujo : ni ja sentime povas diri, ke nia lingvo kaj nia movado akiris civitrajton en niaj regionoj.

Ni alvokas ĉiujn grupojn, ĉiujn grupgvidantojn, ĉiujn unuopajn Esperantistojn, ke ili kaptu tiujn favorajn cirkonstancojn, por ke el ili rezultu granda rikolto por la progresigo de nia movado.

Pri nia organo. La Kongresjaro devigis nin dediĉi nian specialan atenton al la kongresaranĝoj, kun sekvo, ke ni devis forlasi kelkajn kutimajn rubrikojn. Estonte, ni — tute kompreneble — informos niajn abonantojn pri la faktoj de ĝenerala intereso en la tutmonda movado Esperanta, ni donos fidelan kronikon pri la agado de niaj propagandistoj en Belgujo, sed ni ankaŭ dezirus plibonigi kaj pligrandigi la literaturan parton de nia gazeto.

Al la efektivigo de tiu mallonge skizita programo ni varme alvokas ĉiujn gesamideanojn, kiuj sin sentas kapablaj subteni nian agadon.

* * *

Fine, ni petas, ke ĉiu abonanto montru al nia laboro sian fidon, pa-

gante senprokraste sian kotiz-abonon, ĉu al la kasisto de sia loka grupo, ĉu rekte al la kasisto de la Ligo.

Frans SCHOOFS,
Prezidanto de Belga Ligo Esperantista.

---

Tiu ĉi numero eliras kun prokrasto, tia ke kelkaj informoj perdis sian aktualecon. Ni tamen kredis, ke laŭ dokumentiga vidpunkto ni ne povis ne aperigi ilin en nia organo. La proksima numero de la revuo estas nun prilaborata kaj je la fino de Aprilo la aperado de « B. E. » estos ĝisdata.

---

## ALVOKO DE LA PREZIDANTO DE I. C. K. AL LA ESPERANTISTARO.

Karaj gesamideanoj!

Kvankam mi akceptis la inviton fariĝi prezidanto de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, mi certe ne havas iajn iluziojn pri la graveco de la tasko, kiu staras antaŭ mi. Imiti mian antaŭulon, D-ron Edmond Privat, estas neebla afero. Li staris kaj ankoraŭ staras tute aparte pro sia elokventeco, potenco kaj vigleco. La tondra aplaŭdo, kiu ĉiam heroldas lian aperon, estas klara elmontro de la estimo, laŭ kiu la kongresanoj rigardas lin. Mi ĝojas, ke li, estante Honora Prezidanto de I. C. K., povos partopreni niajn venontajn kongresojn kiel ĉeforatoro same kiel antaŭe. Por sukcesigi la aferon, oni devas eviti imitadon de li kaj trovi novan vojon.

Elektita Prezidanto de Brita Esperantista Asocio en 1922 — ofico, kiun mi ankoraŭ plenumas — mi tuj eldonis alvokon al la brita esperantistaro, petante, ke ĉiu helpu min laŭpove por antaŭenpuŝadi la movadon, ke ĉiu laboru harmonie, konkorde kaj tutkore por Esperanto, sen penso pri persona gloro. Tiu alvoko havis bonkoran akcepton, kaj la nuna stato de Brita Esperantista Asocio klare montras, ke, se ĉiuj sindoneme kaj entuziasme laboradas, kiam ajn kaj kie, sukceso nepre sekvas. Hodiaŭ inter la britaj esperantistoj ekzistas nek ĵaluzaj malamikoj, nek malkontentaj grumbluloj... ni estas unu granda rondo familia.

Kiel Prezidanto de I. C. K. mi deziras hodiaŭ fari similan alvokon, ne sole al miaj samlandanoj, sed al ĉiuj samideanoj tutmondaj.

Jen mia peto: Ne okupu vin pri kritikaj plendoj kaj malgrandaj flankaferoj, sed forĵetante ĉiujn personajn ĉagrenojn, forgesante ĉiujn pensojn pri via propra gloro kaj honoro, laboru senĉese por la pli rapida efektivigo de la revo de nia kara majstro !

Al la eminentaj gvidantoj de niaj Naciaj Societoj mi simple diras : Iru antaŭen en harmonio kaj konkordo! Fermu la okulojn kontraŭ negravaj plendoj, evitu disputojn pri bagatelaj aferoj ! Havu fidon kaj kuraĝon! La nokta mallumo pasis kaj la suno brilas super nia movado. Oni konstatis, ke vermo per persisteco kaj pacienco iam naĝis de Eŭropo ĝis Afriko. Per diligenteco kaj pacienco ni povos atingi la celon en gloro.

Al la redaktoroj de niaj gazetoj kaj revuoj mi permesas al mi

proponi: Evitu en viaj ŝatataj paĝoj ĉiujn polemikojn kaj akrajn disputojn pri tute ne gravaj aferoj kaj senĉese disvastigu kuraĝigajn artikolojn kaj novaĵojn ! Kaj pri alia multe pli grava afero mi fervore petas vian subtenadon. Mi estas nur komercisto... ne aŭtoritatulo pri lingvaj aferoj. Pro tio mi neniam misuzas la tempon pri demandoj, kiuj ne alportas profiton al la movado. Mi propagandas la lingvon kaj lasas la diskuton pri lingvaj punktoj en la manoj de la Lingva Komitato. Mi esperas, ke ĉiuj redaktoroj kore kaj lojale subtenos niajn laŭstatute elektitajn aŭtoritatojn kaj dediĉos siajn grandajn kapablojn kaj energiojn al la pligrandigo de la movado. Dum almenaŭ unu aŭ du jaroj ni bezonas nepran pacon por povi labori. Se la Lingva Komitato aŭ alia institucio de nia movado ne agas laŭ niaj deziroj, ni ĉiam posedas la necesan povon anstataŭigi ĝin per aliaj homoj. Same pri niaj aliaj organizaĵoj. Sed ni nepre devas agi laŭ la principo, ke kiujn ajn ni elektas, tiujn ni devas lojale obei. Mi turnas min al vi hodiaŭ, estimataj redaktoroj, kun la espero, ke vi helpos min je la nuna momento, ĉar mi bone scias, ke vi posedas la povon krei kaj kreskadi novan spiriton de harmonio kaj amikeco en niaj rondoj tutmondaj. Ne sufiĉas, ke ni prediku pri frateco buŝe, se ni ne sentas amikecon kore.

Al la grupanoj mi deziras diri: Neniam forgesu, ke la forteco de la movado vere troviĝas nek ĉe la I. C. K., nek ĉe la Naciaj Societoj, sed ĉe vi ! Ĉar el viaj rondoj oni ĵetas la semojn, per kiuj la tutmonda movado riĉiĝas, kiu alportas al ni ĉiam-kreskantan rikolton. Tial viaj klopodoj kaj vigla propadanda laborado estas nepre necesaj por la triumfo de nia sankta afero.

Mi havas la plenan fidon pri la frua sukceso de Esperanto kaj, kvankam ĝis nun mi ne multe partoprenis la internacian vivon de la movado, mi esperas ke, helpite de la Ĝenerala Sekretario de I. C. K., s-ro Robert Kreuz, kun kiu mi jam kiel eble plej intime kunlaboras, mi rapide akiros la kapablecon plenumi miajn novajn devojn je la kontentigo de niaj estimataj kunkomitatanoj kaj de la tuta esperantistaro.

Kuraĝe antaŭen ! karaj gesamideanoj. Mi vere kredas, ke en la spaco de eble dek jaroj, Esperanto estos ĝenerale akceptita kiel unu — se ne la sola — el la oficialaj lingvoj en ĉiuj internaciaj kongresoj. Sed tio okazos nur, se ni daŭrigas labori ŝultron apud ŝultro, manon en mano, ne serĉante personan honoron, sed batalante entuziasme kaj kuraĝe por la multe pli nobla celo de Tutmonda Frateco kaj Senĉesa Paco.

Vivu Esperanto ! Vivu Zamenhof !

Sheffield, 15 septembro 1928.

John MERCHANT,
Prezidanto de la Internacia Centra Komitato
de la Esperanto-Movado.

Kun plezuro ni konigas al la belgaj Esperantistoj la ĉi supran alvokon de la nova prezidanto de I. C. K. Ni estas konvinkitaj ke je ilia nomo ni povas promesi al S-ro Merchant senrezervan kunlaboron por la progresigo de nia komuna idealo. F. S.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## BELGA NACIA KONGRESO

Ni havas la plezuron informi nian samideanaron, ke nia venonta nacia kongreso okazos en Gento dum la Pentekostaj festtagoj.

Ni povas esti certaj, ke niaj Gentaj amikoj nenion preterlasos por igi la kongreson plej interesa kaj agrabla. Ni do petas la grupestrojn ke de nun ili instigu siajn membrojn ĝin ĉeesti multnombre. La programo baldaŭ aperos.

Por ĉiuj informoj oni sinturnu al S-ro Henri Petiau, 60 Boulevard St Liévin, Gand.

---

# ĜENERALA KONVENO EN GENTO

La Liganoj, kiuj havas proponojn por meti sur la tagordon de la Ĝenerala kunveno de la Ligo kaj de la labora kunsido estas afable petataj tuj konigi ilin al la Ĝenerala Sekretario : St. Lievenslaan, 60, Boulevard St Liévin, Gento.

---

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — « La Verda Stelo » Sabaton 5an de Januaro organizis sian Novjar-balon. La belaj salonoj « Gymnase » pleniĝis je gajaj, dancemaj gemembroj.

Sabaton 12an S-ro Ameryckx faris paroladon kun temo « Promenado kaj Impresoj».

Mardon 15an malfermiĝis « Perfektiga Kurso» gvidata de S-ro De Ketelaere. Tiun kurson sekvas 15 gelernantoj, la plej bonaj elementoj de la antaŭe organizitaj kursoj. Ili ĉiuj havas entuziasmon veran kaj esperеble ni trovos inter ili tiajn elementojn kiuj fierigos la esperantistan Belgan movadon.

Jaŭdon 17an komenĉiĝis kurso gvidata de S-ro Bastiaensen. Tiu kurso estas la dekdua organizita de « Verda Stelo » dum tiu sezono vintra.

Sabaton 19an okazis la Ĝenerala Jar-Kunveno de «La Verda Stelo», S-ro Jaumotte, Prezidanto de la Direkanta Komitate, deziras bonvenon al la granda ĉeestantaro. S-ro Schoofs, Prezidanto de la Administrantaro de «Verda Stelo» malfermas la oficialan kunsidon. La sekretario S-ro Faes legas la raporton pri la agado de «Verda Stelo» dum la jaro 1928. La grupo havis je la fino de 1927 : 339 Membrojn kaj je la fino de 1928 tiu nombro iĝis 677. Dank' al la sindonemaj Geprofesoroj: F-ino Jacobs, S-roj Bastiaensen, Boeren, De Ketelaere, De Schutter, Prager, Schiffer kaj Vermuyten, estis eble organizi dekdu kursojn; krom tiuj estis kursoj gviditaj en privataj kluboj aŭ societoj, nome de S-roj Bastiaensen, De Schutter, De Ketelaere kaj Faes. Entute 18. Ni estis feliĉaj havi la kunlaboron de diversaj paroladistoj

kaj tiamaniere la Grupo havis 12 paroladojn en la Grupo mem kaj 6 ekster la Grupo, i. a. tiujn de S-ro René Chapron por la Advokatoj kaj tiun de S-ro P. Kempeneers por la Medicina Asocio. Tiam okazis la diplomdisdono al la diplomitaj. Gekursanoj de S-roj Schiffer kaj Bastiaensen.

Akiris la diplomon kun la plej granda merito : S-ro Biegeleisen, 98.5, F-ino Mad. Van Gassen, 95; S-ro Jules Van de Moer, 92.5; S-ino Storms, Clém., 92 ; S-ro Jos. Klapholz, 91.5; Fino Maria Bastiaensen, 90; kun granda merito: S-ro Jos. Storms, F-ino Yv. Bastiaensen, F-ino Mala Klipper, S-ro N. De Haaf, F-ino Somers, Elza, S-ro Gilb. Van Hellen; kun merito: S-ino Cool, S-ro Cool, Fr., S-ro Fr. De Coninck, F-ino Irma Janssens; sukcesis: F-ino Elv. Sips, S-ro Henri Sorel, S-ro Van Poyer Maur., S-ro Van de Putte, David, S-ro Willy De Witte, F-ino Van Beeck, Rita, F-ino De Wit, M.. S-ro Schoofs, Prezidanto de Belga Ligo Esperantista gratulis la diplomitajn membrojn. Per intima dancado tiu vespero plej agrable finiĝis.

Sabaton 26an: ni havis en la kutima kunvenejo de « Witte Leeuw» intiman kunvenon.

ANTVERPENO. — La Esperantista Klubo de Baden Powell Belgian Scouts daŭrigas sian tre seriozan propagandon por Esperanto inter la knabo-skoltoj de nia lando, per dissendo de cirkuleroj kaj propagandiloj. Pro ilia bona laboro ni gratulu la gvidantojn, el kiuj ni nomas S-ron Aug. Bossuyt, Prezidanton, kaj nian bonan junan, kvankam jam malnovan samideanon J. Van Gulck, Sekretarion.

AALST - ALOST. — La 22an de Januaro okazis projekcio de bela filmo pri Budapest, la urbo de la nunjara universala kongreso.

BRUĜO. — La 15an de Januaro okazis la ĝenerala kunveno de la «Bruĝa Grupo Esperantista», dum kiu F-ino Yvonne Thooris estis elektita kiel prezidantino. Estis ankaŭ decidite organizi novan kurson de Esperanto.

KORTRIJK - COURTRAI. — La 14an de Januaro okazis solena fermo de la kursoj organizitaj en la urbdomo per la loka grupo, kun urba monsubteno.

La kursojn gvidis plej efike S-ro R. Groverman, advokato el Gentbrugge, kaj tutplene li sukcesis interesigi la gelernantojn ĝis la fino.

En la festsalono de la urbdomo fraŭlinoj oferis florojn kaj belan arĝentan memorplateton, dum «-Espero » heroldis tra la salono.

Tiuj kursoj denove pruvis la nepran neceson pri organizo de la lecionoj en oficialaj ejoj. Tiu fakto havigis al ili pli gravan karakteron kaj rapide akiras al la movado la fidon de la loĝantaro.

GENTO. — La nova kurso kaj la grupa kunveno okazis regule ĉiumerkrede.

La Gentaj samideanoj sin preparas por bone organizi la nacian kongreson, kiu okazos dum la Pentekostaj festtagoj en la urbo de Van

Artevelde, ĉio estos farata por ke la gekongresanoj havu plej agrablan restadon.

RONSE - RENAIX. — S-ro G. De Boes, eksprezidanto de la grupo « Al Triumfo » el Sankta Nikolao, kiu nun loĝas en Ronse, post malfacila propagando sukcesis malfermi kurson por dudeko da gelernantoj inter kiuj kelkaj fabrikantoj. Ĉiuj sekvas regule la kurson, kiu okazas ĉiudimanĉe en la lernejo Sankta Ambrosio. Tutkorajn gratulojn al nia amiko de Boes dank'al kiu ni povas esperi baldaŭ kalkuli novan grupon en nia Ligo.

SANKTA-NIKOLAO. — La ĉiujara vespermanĝo kaj festo baldaŭ okazos. Jam de nun la sekretario akceptas la aliĝojn.

Belajn librojn donacis al la biblioteko la loka membraro de U. E. A. S-ro Geerinck, delegito, ankaŭ donacis siajn varbpremiojn. La grupa biblioteko tiel bonege pligrandiĝas.

TIRLEMONT. — S-ro Rodeyns gvidas du novajn kursojn unu flandralingve por dudek soldatoj, alian franclingve por dek studentoj.

---

## GRATULOJ

Al Fraŭlino Germaine Vander Veken, membrino de « La Verda Stelo », Antverpeno, kaj al S-ro Charles Chomette, membro de la Esperantista grupo de Nov-Jorko, kiuj — interkonatiĝinte dum la 20a kongreso en Antverpeno — edziĝis la 22an de Januaro 1929.

---

## NEKROLOGO

La grupo « Al Triumfo » el S-ta Nikolao, denove perdis honoran membron, S-ron H. Noens, kiu mortis post longa malsano.

Kun granda bedaŭro ni eksciis la morton de S-ino V-ino Geerinck la amata patrino de S-ro René Geerinck, prezidanto de « Al Triumfo» kaj de S-ro Jules Geerinck, membro de «La Verda Stelo». Al tiuj du samideanoj « Belga Ligo Esperantista » kaj « Belga Esperantisto » prezentas siajn plej sincerajn kondolencajn sentojn.

---

## BELGA GAZETARO

Ni konstatas kun ĝojo, ke preskaŭ ĉiuj gazetoj en la grandaj urboj raportas pri la agado de la lokaj Esperantistaj grupoj. Ne plu estas eble, ke ni citu aparte ĉiun informon aŭ raporton. Speciala mencio estas farota pri la ampleksaj raportoj kaj intervjuoj kiuj aperis okaze de la vizito de nia bulgara amiko S-ro Iv. Krestanoff, kaj pri la diversaj artikoloj kiuj estis presitaj en la katolikaj gazetoj de la lando kun la celo atentigi la katolikojn pri la utileco, kiun prezentas Esperanto por la progresigo de iliaj principoj.

Multaj semajnaj kaj monataj revuoj fakaj ankaŭ okupas sin pri nia movado. Ni citu i. a. la semajnan gazeton « Pro Antverpia », kiu reproduktas serion de novaĵoj priesperantaj diskonigitaj de I. E. S., kaj la oficialan bultenon de la Mondekspozicio de Antverpeno, kiu eldonis Esperante redaktitan prospekton kaj belan glumarkon. Ambaŭ eldonaĵoj estas senpage haveblaj ĉe la Komitato de la ekspozicio : Minderbroedersrui 17, Antverpeno.

Al nia nova brusela amiko S-ro Lavisse ni dankas la aperigon de bona propaganda artikolo en « Entre-Nous », revuo de la Oficistaro de la grandaj magazenoj « A l'Innovation ». Imitinda ekzemplo !

Bonega propagando estis sen iu dubo la publikigo de la intervjuo pri Esperanto kun Fred Niblo en la programoj de la kinematografejoj « Loew Metro », en Bruselo, Charleroi, Gento kaj Lieĝo.

Krom la regulaj artikoloj kaj informoj en « De Diamantbewerker » kaj en « I. T. F. », informbulteno de la internacia Federacio de la transportlaboristoj, ni ĝojas pri bonega artikolo propaganda de S-ro M. Jaumotte en «Le Triangle Bleu », organo de la Federacio de la belgaj hejmoj de Y. W. C. A. kaj pri raporteto pri la 20a kongreso en « Sténotypie & Organisation », kiu samtempe aperigas malgrandajn tekstojn en Esperanto. Ni rimarkis ankaŭ noton pri Esp. en « L'Etincelle» de la Socialista Centralo de instruistoj en Belgujo.

---

# TOTO

(Fragmento el neeldonita romano « La Strangulo » (L'Homme original) de Max NEHAMA).

Sur la je maronarboj plantumita vojo, kiu serpentumas laŭlonge de unu bordo de la lago, Toto, en sia ludveturileto, malfacile antaŭeniris. Li ege fieris posedi tiel belan aŭtomobilon, kaj ĉiufoje kiam oni sin turnis por rigardi preterpasi tiun etan knabon en lia eta veturilo, li fortege pedalis por montri, ke lia aŭtomobilo ebligis rapidecon aliege konsiderindan ol tiu, kiun li bonvolis mendi de ĝi antaŭe.

Unue sufiĉe malproksime de la lago, la vojo alproksimiĝas al ĝi pli kaj pli, ĝis ilin ankoraŭ apartigas nur mallarĝa digo, tre longa, kiu forkuras al la horizonto kaj kiun, dolĉe kaj regule, la golfetoj venas frapeti.

Toto rememoris la tagon, kiam la onklo Hipolito alportis al li tiun belan ruĝmetalan aŭtomobilon, kun plato malantaŭe, vera aŭtomobilplato, iom pli malgranda ol la aliaj, verdire, sed tamen « vera ». Kaj de kiam li veturpromenadis en la aleoj de l' parko, ĉiuj knabinetoj turnis la kapon por vidi lin, ĉar ili deziris esti en lia loko ; sed, ĉar kunestis ilia patrino aŭ « Fraŭlino », ili rapide, tre rapide sin returnis. Kaj la knabetoj ! Kelkaj haltis kiam Toto preterflugis antaŭ ili, kaj ariĝis en eta grupo, esprimante pri la veturilo, rimarkojn diversajn. Aliaj montris al Toto sian langon, kaj Toto, tiam, terure timis, ke oni ĵetos al li ŝtonojn.

Aliflanke de la Lago, sur la maldekstra bordo, oni vidis tutan serion de nigraj poploj, poste arbaregojn, arbaregojn malgrandajn, tie ĉi kaj tie lakitajn de l' ruĝo de la tegmentoj. Ĉe la horizonto, kie la du bordoj kuniĝis, vaporŝipeto estis nur punkto kun plumaro, kiu videble pligrandiĝis. Estis la boato de l' sesa horo, kiu nur bruligas siajn fajrojn, alveninte ĉe la ŝipperonoj de Ĝenevo. Nomiĝis «Svislando».

Sur la longa kaj polvoplena vojo. Toto ĉiam pedaladis. Malantaŭ li, tramsonorilo timigis lin. Li malsupreniris el la veturileto, ĉirkaŭrigardante. Li troviĝis en loko nomata « Port Noir » («Haveno nigra ») kie la vojo disiĝas, unu branĉo daŭriĝante laŭlonge de la akvo, kaj alia suprenirante al la montetoj; kiuj borderas la Leman-lagon.

Sed ĉe la digo, je la tramhaltejo, unu eta knabino atendis.

* * *

Ŝi estis tre malgranda, tre virina, tre blonda; nomiĝis Lucio.

— Bonan tagon, Lucio, kion ci faras ĉi tie ?

— Mi atendis cin...

— Ho jes.

— Ci skribis al mi...

— Ho jes.

— Ĉu ci volas, ke oni promenadu, Toto?

— Neeble! Mi ne scias kien enigi mian aŭtomobilon » — Ni sidiĝos tie, sur tiun benkon.

— Jes, Toto.

* * *

— Mi amas cin bone, ci scias, Lucio...

— ............

— Ci havas harojn, Lucio, multajn harojn...

— ............

— Harojn blondajn...

— ............

— Tre blondajn...

* * *

— Ni geedziĝos, ci scias, kaj ni foriros en edziĝvojaĝo en « mia aŭtomobilo».

— Ni iru tuj.

— Neeble ; necesas unue, ke oni estu geedziĝinta.

— Nu, Toto, oni geedziĝos.

— Mi volonte volas...

— Mi ankaŭ.

— Ni tuj iru tien...

— ............

— Kien oni iras ?

— Geedziĝi !

* * *

Patro kaj patrino jam manĝis sian supon, kaj « Fraŭlino » estis tre malkvieta, kiam Toto envenis en la manĝoĉambron, kun vizaĝo tute


LA VOIX
DE SON MAITRE

ruĝa, kaj ŝuoj grizaj pro polvo. Silenteme li sidiĝis sur sian seĝon kaj komencis manĝi sian supon.

Patro subite ekkriis :

— Kiel ! Ci revenas hejmen je la oka horo, kaj ci eĉ ne juĝas necese senkulpiĝi ĉe cia patro ? Kion ci do faris ĝis nun ?

Toto blovetis sur sian kuleron, levis la okulojn kaj diris :

— Ho nenion, paĉjo mia, sed jen... mi havis aŭtomobilan paneon !

El la franca lingvo tradukis,
H. BOFFEJON.

---

# DU POEZIOJ

## MI ESTIS KVAZAŬ BIRDO...

Mi estis kvazaŭ birdo,
por kanti sen inklin';
vi estas maja suno,
kiu kantigas min.

Mi estis pro la varmo
mortanta kvazaŭ roz',
kaj via amo estis
la reviviga ros'.

Similas mi al laŭbo
kaj al venteto vi:
pro via freŝ' tremetas
de ĝu' ĉiu foli'.

Jan VAN SCHOOR.

## VIA KOR'

Via kor', knabin', similas
al brilanta, maja sun',
min klarvidiganta en la
viv' per sia lum'.

Vi beligas mian vivon
per sindona via am';
vi varmigas mian koron
per eterna flam'.

Brilu' hela suno, brilu
ĉiam super mia voj';
kun vi malaperos mia
kredo, mia ĝoj'.

Jan VAN SCHOOR.

---

# ESPERANTO SINONIMO DE SIMPLECO

Venkinte la senton pri timemeco, kiu kompreneble estris min, kaj cedanta je la insistado de kelkaj amikoj esperantistoj, mi volas klopodi rakonti por «Belga Esperantisto» kiel mi lernis Esperanton.

Estis precize antaŭ unu monato kiam mi ekkonatiĝis kun Esperanto, Tio okazis en la salono de mia barbiro, kie mi atendis mian vicon por esti servata.

Por iom agrabligi al mi la atendadon, kaj eble ankaŭ kun propagandocelo, la barbiro donis al mi libreton « por nur iom legi ».

Pro nura ĝentileco mi trafoliumis la libreton, kiu nomiĝis « Het Esperanto in tien lessen » (Esperanto en dek lecionoj). Sed tiu trafoliumado sufiĉis por veki mian interesiĝon, ĉar mi tuj rimarkis ke tiu ĉi broŝureto enhavis neniajn aŭ malmultajn malfacilaĵojn, kaj mi meditis, ke Esperanto do devis esti tre facile lernebla.

Mi tiel facile sukcesis traduki kelkajn frazetojn, ke mi decidis studi Esperanton serioze, kio ellogis de l' barbiro-propagandisto la inviton ĉeesti la kurson de « La Verda Stelo ».

Kiam mi tamen aŭdis, ke tiu kurso daŭris ĉirkaŭ tri monatojn, tio ŝajnis al mi multe tro longa, kaj mi tiam nur preferis « lerni sen profesoro ».

La barbiro timis ke mi ne serioze opiniis tion, kaj ke lia propagandoklopodo do restus sensukcesa ; tial mi vetis kun li, ke la sekvantan semajnon ni interparoladus Esperante.

Kun plezuro li pruntedonis al mi « Het Esperanto in tien lessen » kaj la « Fundamento de Esperanto », kaj kiam post du tagoj mi reportis al li tiujn ĉi du libretojn, mi estis gajninta la vetaĵon, ĉar — kvankam iomete hezitante — mi ja sufiĉe bone parolis esperante.

Kaj por atingi tiun rezultaton, mi bezonis nur iom pli ol la nura legado de la du suprenomitaj verketoj.

Post esti haltiĝinta iom pli longe ĉe la kelkaj malfacilaĵoj renkontitaj, mi estis elspezinta kvar horojn por la tuta studado.

Nun mi ankoraŭ nur bezonis perfektiĝi per ekzercado. Kaj mi ankaŭ de post tiam senprofitigis (?) nenian okazon por legi, skribi kaj paroli esperanton.

Jen vera atestaĵo pri la simpleco de Esperanto, kiun — kun la bontrovo de la redakcio — miaj amikoj trovos en la sekvanta numero de « Belga Esperantisto ».

Mi esperas ke ili estos kontentaj kaj ke ili, kiel ankaŭ ĉiuj aliaj esperantistoj, sukcesplene uzos ĝin kiel propagandisto.

H. B.

---

LA PAROLANTA KAJ FILMO ESPERANTO

# OPINIO DE MONDFAMA FILMDIREKTORO

La filmdirektoroj pli kaj pli interesiĝas pri Esperanto. Subite ili eltrovas ke universala lingvo estas absolute necesa se ili volas vendi parolantajn filmojn en la eksterlando.

Unu el la plej unuaj homoj rekomendantaj Esperanton estas la mondfama filmdirektoro Fred NIBLO ĉe la fama kaj grandega filmfarejo Metro-Goldwyn-Mayer Studio. Li estas la viro kiu filmis BEN HUR.

Antaŭ nelonge Joseph R. Scherer, la delegito de UEA kaj Prezidanto de la Esperanto Klubo de Los Angeles, kune kun D-ro Chas. R. Witt, Vic-Prez. de la klubo kaj VD de UEA, havis la honoron esti invitataj viziti S-ron Fred Niblo kaj S-ron Joe Polonsky en iliaj oficejoj por diskuti la eblecojn kaj planojn pri la elekto de Esperanto por la parolantaj filmoj. Kelkaj el la direktoroj de tiu granda filmfarejo M-G-M estas favoraj al Esperanto, ĉar ili ekkonas la fakton ke Esperanto estas nepre necesa por universala sukceso de la parolanta filmo.

La fama filmdirektoro tre afable respondis je multaj demandoj. La

respondoj jam estis presataj en multaj Usonaj gazetoj sed ĉi sube mi volas ripeti la plej gravajn eldirojn de la konata Fred Niblo. Jen la demandoj de S-ro Scherer kaj la respondoj de S-ro Niblo :

D. Kiam vi unue aŭdis pri Esperanto ?

R. Antaŭ multaj jaroj mi legis pri Esperanto kaj aŭdis pri ĝi kiam mi laboris en Eŭropo.

D. Kial vi nun subite estas pli multe interesata en nia Universala lingvo ?

R. Mi ne havis multan tempon por Esperanto. Mi ne bezonis la lingvon. Sed ĉar nun la parolantaj filmoj estas tiel multe ŝatataj en la tuta mondo, nova problemo ekaperis. Estas problemo de nia vivado, de nia sukceso en Eŭropo. La angla lingvo ne estas dezirata en la kontinenta Eŭropo. Universala lingvo estas nepre necesa por niaj novaj filmoj. Estas afero de mono. Se la filmoj ne estas uzeblaj en Eŭropo, niaj profitoj estas pli malgrandaj.



D. Ĉu vi ne kredas ke filmsteloj povus lerni diversajn naciajn lingvojn? (La demando estis farata nur por havigi al niaj propagandistoj gravajn eldirojn de sama direktoro).

R. Tute ne ! Tio estas absolute neebla. Ĝi estus ebla teorie sed ne praktike. Multaj bonegaj filmsteloj ne havas lingvan talenton. Plej ofte bonaj elparolistoj en unu lingvo ne povas lerni la akcenton de eĉ unu alia lingvo. Famaj eksterlandaj steloj devus lerni kun granda

peno la anglan akcenton kaj eble ĉiam estus limigataj je eksterlandulaj roloj.

Sed eĉ se **estus praktike eble** bone lerni tiom da lingvoj, **ĉiam restus financa neeblaĵo**, fari la saman filmon en diversaj lingvoj. Ne, tute ne, tio estos neniam ebla; la kosto estus terure alta, kaj nenia profito rezultiĝus.

D. Sed la Usonaj filmoj povus esti montrataj almenaŭ en Britlando, ĉu ne ?

R. Jes, sed vi devas memori ke nia Usona-angla lingvo ne estas tre agrabla al granda parto de la Angla popolo. Ni havas krome, multajn idiomaĵojn kiuj ne estas komprenataj de britoj. Tie ili havas aliajn idiomaĵoj kiujn ni ne komprenas. Kaj la idiomaĵoj ja donas al la lingvo la spicon. La angla lingvo en britaj filmoj ne estos ŝatata de la plimulto de Usona popolo. **Sed krom tio ĉio ni ja tute ne deziras perdi la klientaron de la kontinenta Eŭropo kaj aliaj landoj.**

D. Ĉu Usonaj parolantaj filmoj ne povus esti montritaj kiel « silentaj filmoj » en la kontinenta Eŭropo?

R. Tute ne, ĉar la Eŭropanoj rifuzas esti tiel malĝentile malatentataj. La Eŭropaj filmfarejoj ja ankaŭ faros parolantajn filmojn kaj sen akcepto de ia neŭtrala lingvo la nun tiel ŝatataj Usonaj filmoj nepre fariĝus malŝatataj. Ankaŭ la estontaj grandaj filmoj de germanaj, francaj, italaj kaj aliaj filmfarejoj estos limigataj je sia propra lando sen la simpla sed plej kompleta, plej logika kaj plej facila lingvo — la neŭtrala Esperanto.

D. Kiuj estas viaj plej famaj filmsteloj ?

R. Norma Shearer, John Gilbert, Ramon Navaro, William Haines, Lewis Stone, Lionel Barrymore, Greta Garbo, Conrad Nage estas niaj plej famaj. Estus tre domaĝe se ili ne plu estus videblaj en Eŭropo pro manko de lingva kono.

Poste S-ro Scherer donacis al S-ro Niblo Esperantan flagon kaj insignon, kaj la fama direktoro ĝojis pro la donaco tiom ke li tuj ordonis fotografadon de la transdonado.

La adreso de la direktoro estas: Fred Niblo, ĉe Metro-Goldwyn-Mayer Studio, Los Angeles, Kalifornio. Ĉar subskribo-kolektoj nur malfacile organiziĝas estus tre helpa se arego da Esperantistoj sendus Esperantajn gratulojn al la fama direktoro.

La eldiroj de S-ro Niblo estas tiel gravaj por nia movado ke ĉiu fervora Esperantisto certe deziros kopii la artikolon aŭ traduki ĝin en la lingvon de sia lando, por publikigado en gazetoj de sia urbo.

S-ro Scherer ĉe Seoboard National Bank, Los Angeles, Kalifornio, deziras ricevi kiom eble plej multajn gazet-eltranĉaĵojn el ĉiuj landoj kaj en ĉiuj lingvoj, se eble kun kopioj de la fotografaĵoj. Li elspezas multan monon kaj tempon kaj bezonas la multlingvajn eltranĉaĵojn (Esperantajn kaj aliajn) por plia propagando inter la film-eminentuloj.

Los Angeles, 25 Oktobro 1928.

JOROSO.

## LA 14a DE APRILO — TAGO DE LA ORIGINALA ESPERANTA LITERATURO.

La aranĝita antaŭ nelonge Unua Festo de la Esperanto libro certe estis grava sukceso. Ĝiajn statistikajn ciferojn montru al ni ĝia iniciatinto — sinjoro Julio Baghy. Sed eĉ se tiuj ciferoj ne tute kontentigus nin, en komparo kun la ĝenerala nombro de la tutmondaj samideanoj — ni tamen rajtas diri, ke ĉie, kie la Festo estis aranĝita laŭplane kaj siatempe — ĝi havis tre kontentigan sukceson. En tiu sukceso estu al ni pli da rekompenco ol en la relativa cifera materialo.

Kontentaj estas laŭplane agintaj societoj, libroeldonejoj kaj vendejoj. Bona komenco estis farita kaj ni daŭrigu persiste kulturi kaj propagandi la ideon de nia ŝatata poeto.

Sed aĉeti almenaŭ unu libron unufoje jare, kio povus fariĝi sola kaj escepta bona kutimo de certa speco de niaj samideanoj, kaj poste ekdormi sur la laŭroj — vere ne ne estas tro multe.

Prave rimarkas «International Language» de la britaj samideanoj, ke oni devus propagandi ke iu samideano aĉetu almenaŭ unu libron ĉiumonate. Nur tia aĉetado senteble prosperigus nian literaturon.

Tamen ni ne iluziigu nin kaj ne esperu, ke tio povus okazi tre baldaŭ. Por tia organiziteco ni bezonus multajn longajn jarojn de la plej persista propagando. Tiun propagandon ni certe ne povas havi nun kaj tial ni kontentiĝu per io pli reala.

Mi alvokas la tutmondajn samideanojn havi tiun Feston ne unufoje, sed **dufoje** ĉiujare. Ni havas du karajn datojn: la 15an de Decembro kaj la 14an de Aprilo. La datojn de la komenco kaj ĉesiĝo de la vivo de nia Majstro. Ambaŭ ili signifas al ni du grandajn tagojn kaj dum la ambaŭ ni sentas ĉie tra la mondo unu komunan senton. Tiuj datoj eĉ koincidas kun diversaj sezonaj aŭ religiaj festoj ĉe multaj kulturaj popoloj.

Sed por ne ripetiĝi, ni proklamu la daton de la 14a de Aprilo

TAGO DE LA ORIGINALA ESPERANTA LITERATURO.

Ĉio kio ne estis tradukita en nian lingvon ol iu alia, sed estis verkita rekte en ĝi — havu rajton esti proponata kaj vendata en tiu tago. Aperu specialaj listoj de la originalaj verkoj en Esperanto.

Ni havu nian propran, bonan, valoran literaturon kaj pro ĝi fariĝu gravega unika tutmonda, faktoro, kiu ne nur peras, sed ankaŭ kreas kaj klerigas laŭ sia propra universala vidpunkto.

Nur subtenante niajn originalajn verkistojn, ni samtempe rajtas postuli de ili, ke ili verku interese, bonstile kaj moderne. Nur tiam ni pretendu havi verajn laborantojn de la literatura plumo, kiuj altigos nian lingvon kaj kulturos ĝian stilon pli ol iuj teoriaj lingvistoj.

Dufoje dum jaro doni sian obolon — ne estas multe. Sed por nia originala Esperanta literaturo tio signifus preskaŭ ĝian renaskiĝon.

N. HOHLOV.

# NIA PROGRESADO

**La internaciaj kongresoj kaj Esperanto.** — La nombro de la konferencoj kaj kongresoj internaciaj, kiuj uzas Esperanton kiel unu el siaj lingvoj aŭ kiel solan tradukan lingvon fariĝas pli kaj pli multenombraj.

Je Pasko 1929 okazos en Frankfurt am Main la Internacia Konferenco por Turismo kaj Reklamo. Oni kalkulas pri la partopreno de sufiĉe granda nombro de personoj kaj organizacioj de la tuta mondo, interesitaj en tiu ĉi kampo. La paroladoj kaj raportoj estas allasitaj en ĉiuj naci-lingvoj, sed Esperanto estas la sola traduka lingvo de tiu ĉi konferenco.

La proksima kongreso de la Federacio de l'Edukaj Asocioj okazos en Ĝenevo je komenco de Aŭgusto 1929, sub la aŭspicioj de la Internacia Eduka Oficejo.

Esperanto estos la sola traduka lingvo en certaj sekcioj. I.E.S.

**La instruado kaj Esperanto.** — La instruado de Esperanto estas jam enkondukita en sufiĉe grandan nombron da lernejoj de div. landoj, parte kiel fako nedeviga, parte kiel fako fakultativa.

Per dekreto II. P. 5212/28, 18.8.28, la Ministro de Kultoj kaj de l'Publika Instruado de la Pola Respubliko permesis la instruadon fakultativan de Esperanto en ĉiuj lernejoj, en kiuj tia instruado estas postulata. I.E.S.

**Oficialaj ekzamenoj de Esperanto.** — En Aŭstrio kaj Ĉehoslovakio la oficialaj ekzamenoj de Esperanto daŭradas regule kai altiras pli kaj pli la atenton kaj intereson de la pedagogiaj rondoj. Duon-oficiala gvidilo por la oficialaj ekzamenoj de la Ĉehoslovaka Respubliko en slovaka lingvo, kiu aperis antaŭ ne longe en Bratislava (Pressburg) enhavas ankaŭ statuton por ekzamenoj de Esperanto, kiu estas instru objekto nedeviga en pluraj lernejoj. I.E.S.

**Internacia Esperanto-Muzeo.** — Sub la nomo «Internacia Esperanto-Muzeo» esperanto-biblioteko estis aligita kiel special-sekcio al la granda Nacia Biblioteko de Vieno (Aŭstrio). I.E.S.

La teknika gazetaro kaj Esperanto. — Laŭ la ekzemplo de aliaj teknikaj revuoj la pola medicina organo «Gastroogja Polska» en Varsovio publikigas resumon en Esperanto de siaj artikoloj. I.E.S.

En Japanujo. — Kurso por policistoj estas malfermita en Beppu. — El Radio-stacio JOGK en Kumamoto D-ro Asada dissendis paroladon pri medicino kaj pri Esperanto, la 22an de Aŭg. La 12an de Aŭg. okazis propaganda parolado pri Esp., kiun ĉeestis 300 personoj. Dum Oktobro komenciĝis kursoj en Miŝima, Ina, Oocu, Koozooĵi, Hukuoka, Nagasaki, Ogura, Hiroŝima, Hakodate. (Komuniko de Nikoo Esperanto-Kwai, Daini Kootoo Gakkoo, Urbo Sendai, Japanujo).

## LA DEVENO DE LA MARCIPANO.

Marcipanon ĉiu konas, sed nur malmultaj scias, la devenon de tiu-ĉi multe ŝatata frandaĵo. Preskaŭ neniu konjektus, ke marcipano kiu ĉiam aperas dum festado, naskiĝis en tempo, kiam oni malplej pensis pri ĝojo kaj plezuro. Post la malvarma somero de la jaro 1407, regis malsato en la tuta Nord-okcidenta parto de Eŭropo. En Saksujo, peceto da pano, ne pli granda ol juglando, kostis po du cendoj.

Tiuj-ĉi malgrandegaj bulkoj estis nomataj Marko-panoj, laŭ la nomo de Sankta Marko, kiu, laŭlegende, disdonis almoze tiajn panetojn. Post kelka tempo, la panetoj estis forte spicitaj kaj daŭris ekzisti kiel frandaĵo. De tio-ĉi devenis la nomo marcipano, «marci panis», kio signifas pano de Marko. Post tiu tempo ,iom post iom la formo kaj preparado ŝanĝiĝis. N. G.

El «Na de de School», Nr 48, 1928.

Tradukis C. Schroeyers.

## KRISTNASKDONACOJ EN ANTAŬAJ JARCENTOJ.

Kiam ni deziras doni kristnaskdonacojn unu al la alia, ni tute ne demandas nin, ĉu la land-aŭ urbestraroj ja konsentas pri tio, dum la Estraro mem ankaŭ ne intencas sin okupi pri la afero. Tamen tio-ĉi ne ĉiam estis tiel.

En la Mezepoko, jam antaŭ ol la kristnaskarbo trovis sian lokon en la familioj, oni donis reciproke Kristnaskdonacetojn, sed en la jaro 1400, la urbo Raversbergo protestis kontraŭ tio-ĉi, kaj estis punata ĉiu, kiu kuraĝis malgraŭ tio, donaci ion. Por malebligi la evitoj, la malpermeso devis esti observata de kelkaj semajnoj antaŭ Kristnasko ĝis Epifanio. Nur en la rilatoj de gepatroj al infanoj aŭ de fratoj al fratinoj, la ordono ne estis valida.

Simila malpermeso estis proklamita en 1460 de la urbo Constanz. Per ĝi estis severe ordonita, ke, je Kristnasko, ne povis esti donacataj frandaĵoj aŭ ludiloj, eĉ ne al genepoj. Ankaŭ Rattenburg havis similan ordonon en 1661, kiu estis observata en tuta Saksujo. Tiu-ĉi enhavis, ke, je nenia kristana festotago, (Novjaro neesceptita) donacoj povis esti donataj. Pli malfrua Saksa ordono koncernis ankaŭ la servistaron. Tiu el ili, kiu riskis akcepti kristnaskan trinkmonon, estis punata per grava monpuno.

Krom en la nomitaj regionoj, ŝajnas ke ankoraŭ aliaj malpermesoj ekzistis rilate al donacado kaj akceptado de kristnaskdonacoj.

T. E.

Tradukis C. Schroeyers.

El «Na de School», Nr 51. 1928.

# HUMORO

**Plezuro.** — La piediranto (renversita de aŭtomobilo) : Estas nenio, mi certigas al vi, Sinjoro. Ne maltrankviliĝu, mi havas neniun eĉ plej malgravan vundon.

La aŭtomobilisto : Vi estas tute aminda. Estas vera plezuro renversi personojn kiel vi !

**Kompreneble.** — Kiam Bob forlasos la malsanulejon ?

— Nur post longa tempo.

— Malfeliĉulo ! Ĉu vi vidis lian kuraciston ?

— Ne, lian flegistinon !

**Kialo.** — La teatrodirektoro : Estus multe pli bone, ke la rabisto mortigus sin per revolverpafo, prefere ol per veneno, ĉe la fino de via teatraĵo.

La aŭtoro : Kial do ?

La direktoro : Tio revekigus la publikon!

**Pruvo.** — Iu demandis servistinon, ĉu ŝiaj gemastroj estas riĉaj.

— Mi supozas, ke ili ne estas tre riĉaj, ŝi respondis, ĉar ili ludas ĉam kune sur nur unu fortepiano !

**Inter amikinoj.** — Sed kiel do vi scias, ke li amas vin, se li nenion diris ?

— Ho, tion mi vidis je la maniero laŭ kiu li rigardas min, kiam mi ne rigardas lin !

**Ĉe la juvelisto.** — Niaj brilŝtonoj, Sinjorino, havas la saman brilon, la saman pezon, la saman purecon kiel la veraj, kaj por ke la imito estu ankoraŭ pli perfekta, ni ilin vendas je la sama prezo kiel la verajn.

---

## INTERNACIA KONFERENCO POR TURISMO KAJ REKLAMO,

**30 marto-- Aprilo (Paskon) 1929 Frankfurt am Main.**

Frankfurt a.M., 10 januaro 1928.

De l' 30 marto ĝis 2 Aprilo (Paskon) 1929 okazos en Frankfurt am Main la **Internacia Konferenco por Turismo kaj Reklamo.**

Estas invititaj partopreni ĉiuj korporacioj de turismo kaj reklamo, vojaĝ-oficejoj, turismaj agentejoj kaj centroj, komercaj ĉambroj, industrisindikatoj, reklam-fakunuiĝoj, reklamentreprenoj ĉiuspecaj, samkiel la asocioj por komerca klerigado de la tuta mondo.

La konferenco estas kunvokita por akcelado kaj solvo de vico da problemoj en la sfere de turisme kaj reklamo. Ĝi ĉefe celas la starigon de novaj rilatoj en tiuj ĉi kampoj kaj de pli intima internacia kunlaboro en la spirito de l'servo al la publiko.

Tiusence ĝi okupos sin en paroladoj, raportoj kaj rezolucioj pri tiuj demandoj. Gravegaj korporacioj kaj fakuloj estas invititaj al tiu ĉi

konferenco kaj parte jam promesis sian kunhelpon. Ankaŭ via partopreno estas dezirinda kaj utila.

Frankfurt a.M. la malnova komerca metropolo ĉe la krucpunkto de l'eŭropa trafiko, kun altaj spiritaj interesoj kaj rilataro al en- kaj eksterlando, la urbo de la plej malnova germana foiro estas kvazaŭ antaŭdestinita por aranĝo de tia konferenco.

Per tio ni havas la honoron, kore inviti vin al partopreno. Se vi mem ne povos partopreni, vi povos eventuale delegi anstataŭanton aŭ reprezentanton.

Ni aldonas ĉi-tie la provizoran Programon kaj laŭdezire estas plene je via dispono por ĉiuj pliaj informoj. Vian aliĝon bonvolu sciigi laŭ la adreso de la sekretariejo notita sur la aldono.

Ni firme esperas, povi kalkuli pri via partopreno kaj atendante vian jesan respondon restas kun alta estimo.

**La Prepara Komitato.**

---

PROVIZORA PROGRAMO.

1) **Problemoj de la Internacia Reklamo.**

a) Psikologio kaj Valoro de Reklamo (Paroladoj).
b) Reklamo kaj Reklam-Lingvo (Paroladoj).
c) Spertoj pri la internacia helplingvo en la foira kaj turisma reklamo (Raportaro de interesitaj korporacioj).
ĉ) La reklam-scienco en la komerca klerigado (Starigo de kursoj, vojoj, metodoj ktp.) (Paroladoj kaj sugestoj).
d) Internaciaj jur-problemoj (Paroladoj).

2) **Problemoj de l' Turismo kaj Trafiko.**

a) Aer-veturado kaj turismo (Spertoj kaj proponoj).
b) Radio kaj Turismo. (La radio-stacio kiel helpanto de la turismo). Proponoj kaj sugestoj.
c) Demandoj de l'fervoja komunikado, de dogan- kaj lim-formalaĵoj. (Kritikoj kaj praktikaj proponoj).
ĉ) Preparado de fremdul-gvidantoj, interpretistoj, tradukistoj, inform-oficistoj. (Proponoj kaj sugestoj).
d) Kolektiv-reklamo: Foiroj kaj Ekspozicioj kiel akcelantoj de la turisma kaj trafika reklamo. (Spertoj, sugestoj kaj proponoj).
e) La rekta kontakto de l'vojaĝanto kun lando kaj popolo kiel akcelilo de l'tutmonda paco. (Parolado).
f) Internacia leĝaro pri la sekurigo de l'fremdul-trafiko. (Jura prelego, situacia raporto).

* * *

Paroladoj kaj raportoj en la konferenco estas allasitaj en ĉiuj nacilingvoj kaj en Esperanto. Traduko okazos nur en Esperanto.

La definitiva tagordo estos ankoraŭ ĝustatempe konigata al la invititoj kaj partoprenontoj.

La Prepara Komitato plezure akceptos proponojn pri paroladoj kaj raportoj por enmeto en la kompletan programon.

Aliĝojn kaj demandojn direktu al la konferenca sekretariejo : S-ro Robert Kreuz, Hon. Agento de la Frankfurta Foiro, 12, Bd. du Théâtre, Genève, Svislando.

## 21a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

BUDAPEST, 2-9 Aŭg 1929

### EL « INFORMA BULTENO N-ro 2. »

**Loĝigo.** — La loĝigon de la kongresanoj aranĝos la Fremduloficejo de la Urbo Budapest, sed ĝi povas nur por tiuj garantli loĝejon, kiuj kiel eble plej frue anoncas sin. En via propra intereso aliĝu jam nun. Ĝis nun oni komunikis sekvantajn proksimumajn prezojn : Ĉambro en hotelo kun matenmanĝo : I-a klaso P 10.— potage; II-a klaso P 8.—; III-a klaso P 6; IV-a klaso P 4.—.

**Turista loĝejo** en studentaj domoj, eble en lernejoj amasloĝigo : kun ĉiuj manĝoj P 3.50, sen manĝoj P 1.20. Nur limigita loko, baldaŭa anonco petata.

Prezoj en restoracioj : Tagmanĝo de P 1.50 kaj vespermanĝo de P 2.— proksimume.

Afiŝo, prospekto. Granda afiŝo kun bildoj el Budapest eldonita de la Fremduloficejo de la Urbo Budapest kun malplena loko por anonci kursojn, prelegojn, karavanojn, estas havebla senpage por ĉiuj societoj, grupoj kaj ekspozicioj. Por aliaj personoj kontraŭ sendo de respondkupono. Prospekto de Budapest, granda folio, uzebla ankaŭ kiel afiŝeto, senpage havebla.

**Rabatoj tra Aŭstrio.** Laŭ sciigo de la Aŭstria Esp. Delegitaro, kongresanoj, kiuj aliĝas al la « Antaŭkongreso kun Malfermo de Internacia



NOKTA BILDO EN BUDAPEST.

Esperanto-Muzeo »en Vieno kaj sendas kotizon de 7 aŭstraj ŝilingoj, ricevas rajtigilon por 25% rabato sur la aŭstraj fervojoj tien kaj reen,

50% rabaton sur la ŝipoj de la « Donau Dampfschiffahrtsgesellschaft » de Passau ĝis Budapest kaj reen, duonjare senpage la « Aŭstrian Esperantiston », antaŭkongreskarton, 100-paĝan gvidlibron de Vieno, partoprenon ĉe la dutagaj antaŭkongresaj aranĝoj kaj verŝajne senpagan vizon por Aŭstrio. Adreso: Internacia Esperanto Muzeo, Wien I, Annagasse 5, Aŭstrio.

**Artikoloj por gazetoj.** Kiuj volas publikigi artikolojn pri Budapest kun bildoj ĉu en esperantaj, ĉu en nacilingvaj gazetoj, petu tekston kaj kliŝojn. La kliŝon oni devas tuj resendi.

**Prelegadoj pri Budapest, filmoj.** Societoj kaj grupoj kiuj intencas aranĝi prelegadon, povas ricevi tekston. Fotopoŝtkartoj por projekcio, lumbildoj aŭ filmo kun Esperanto-teksto prunte haveblaj kontraŭ pago de la sendkostoj kaj ĉe posta resendo.

**Helpmembroj.** Por ebligi al tiuj, kiuj ne povas vojaĝi al la kongreso, havi ĉiujn dokumentojn kaj eldonojn, insignojn ktp. kaj helpi la kongreson, ni akceptas helpmembrojn, kiuj pagas la duonon de la oficiala kotizo, do P 14.— sv. fk. 12.50 ktp. Bonvolu sur la aliĝiloj supre aldoni la vorton : « Helpmembro ».

---

## UZO DE ESPERANTO ĈE LA FOIROJ KAJ EKSPOZICIOJ.

Dum la lastaj monataj atingis nin diversaj eldonaĵoj propagandaj pri komercaj foiroj kaj ekspozicioj. Tio estas plej elokventa pruvo, ke tiuj organizaĵoj konscias pri la utilo praktika, kiun akcepto de internacia lingvo alportos al la mondo de komerco kaj trafiko.

Jen la listo de la ricevitaj dokumentoj :

BRNO. — **Ekspozicio de l'samtempa kulturo en Ĉeĥoslovakio.** 26.5 - 30.9.28. Okpaĝa faldprospekto ilustrita.

BUDAPESTO. **Internacia Foiro.** — 28.4 - 7.5.28. — Kvarpaĝa ilustrita prospekto. Granda afiŝo. Kartona kalendareto. Reklamfolieto. Reklamglumarko.

BUDAPESTO. **La Reĝino de la Danubo.** — Bela elegante eldonita faldprospekto 24paĝa. — Krom tio eliris alia turista prospekto pri la hungara ĉefurbo. Ambaŭ eldonaĵoj estas senpage haveblaj ĉe la Fremdultrafika oficejo de la Ĉefurbo, Budapest V., Deak Ferenc-utca 2.

FRANKFURT A. M. — Du belaj invitoj al la Printempa kaj Aŭtuna Foiroj.

GRAZ. — Prospekto ilustrita kun invito kaj programo de la 800jara ekzistfesto de la urbo (23.6 - 31.8.28) kaj de la 15a komerca foiro (29.9 - 31.10.28).

LEIPZIG. — Belega albumformata invito 12 paĝa kun informaro pri la printempa foiro; tre detalaj koloritaj planoj pligrandigas la praktikan utilecon de la dokumento. Aperis ankaŭ aparta invito kun informoj pri la aŭtuna foiro.

PARIZO. — **XXa Foiro Komerca (11-26.5.29)** — Bele ilustrita prospekto. Adreso por informoj: 23, rue Notre-Dame-des-Victoires, Parizo.

# DIVERSAJ INFORMOJ

**Ekspozicio pri S-ta Venceslao en Praha 1929,** organizota inter la grandaj festaranĝoj okaze de miljara datreveno de la morto de ĉeĥa nacia sanktulo S-ta Venceslao. La ekspozicio prezentos ĉiujn memoraĵojn, pri S-ta Venceslao. Ĉar ankaŭ en fremdlando estas multe da tiaj memoraĵoj (preĝejoj, pentraĵoj, statuoj, vazoj, libroj k. c.), la komitato turnas sin al ĉiuj posedantoj de similaj memoraĵoj kun peto, ke ili bonvolu sendi al ĝi detalan priskribon kaj fotografaĵon de tiuj ĉi memoraĵoj kun sciigo, ĉu ili estos pruntendoneblaj kaj sub kiuj kondiĉoj. Afablajn informojn dankeme akceptas, Komitato de s. Venceslaofestoj» en Praha III, Josefskà 8.

Senpage estos sendata al vi gvidlibro en Esperanto pri la urbo Zittau, verkita de nia samideano Karl Knoll. Per poŝtkarto petu ĝin de: Verkehrsverein E. V., Geschäftsstelle Weberstr., Zittau (Germanujo).

**Lingva Interŝanĝo.** Kiu el la francaj instruist(in)oj volas instrui la francan lingvon por rekompence lerni la hebrean aŭ la polan lingvon? Sin turni al Julian Fechter, rue Jordaens, 43, Antverpeno.

**Interŝanĝo de Poŝtmarkoj,** petata de S-ro Dimitre N. Minceff, Vicdel. de UEA en Constanza (Rumanujo).

Petas korespondadon kun belgaj gesamideanoj S-ro A. M. Nunez, Apartado 271, Quito (Ecuador), deziras ricevi la ilustritajn poŝtkartojn kun Esperanto-teksto kaj historiaj notoj, propagandomarkojn, specimenoj de revuoj kaj gazetoj.

ESPERANTISTOJ! Se vi deziras konstrui, farigu la planojn de samideano. Kompleta racia studado! (arhitekturo, ferbetono, centra hejtado, k.t.p.) Hejmoj - Vilaoj - Ludomoj - Fabrikoj - Industriaj konstruaĵoj.

**Studoficejo:** FERO, rue du Repos, 52, Ruststraat UCCLE. — UKKEL. (Telef. 436.05) (Specialaj kondiĉoj por Esperantistoj!)

URĜA PETO! — Kun granda surprizo ni sciiĝis, ke malgraŭ ĉiuj niaj klopodoj, eksigi ĉiujn plendojn pri ne kvitancita monsendo pro forigo de la kongresa deficito el la XVIa, aŭ pri nerespondo al leteroj, troviĝas nun ankoraŭ samideanoj, kiuj ne estas kontentigitaj. Mi petas ĉiujn tiujn, precize informi nin, por ke ni povu kontroli la aferon.

Kun antaŭa danko. Por la L.K.K.-Wien: D-ro Edmund Sos, komitatano de UEA. I. Tuchlauben 18, Wien (Aŭstrio).

**Esperanto kaj Radio en Granda Britujo.** — La grava radio-gazeto, «Word Radio», komence de Januaro, 1929, intencas starigi rubrikon pri kaj en Esperanto; oni instruos la lingvon, kaj anoncos alilandajn disaŭdigojn Esperantajn, kaj eĉ kelkfoje publikigos ties tekston.

Tio estas grava sukceso. «World Radio» estas unu el la oficialaj organoj de la Brita Brodkasta Korporacio, kaj havas grandan legantaron. Ĝia celo estas interesigi la britan aŭskultanton pri alilandaj disaŭdigoj kaj programoj; kaj ankaŭ la alilandan aŭskultanton pri britaj programoj;

kaj tiucele ĝi eldonas tre detalajn programojn de la plimulto el eŭropaj stacioj: ĉi tiuj estas la plej bonaj haveblaj en Britujo.

La unua artikolo aperos la 4an de Januaro, kaj poste, ĉiusemajne aŭ ĉiudusemajne aperos leciono kaj informo pri alilanda radio. La enhavo de la Esperanto-fako interesas alilandajn Esperantistojn, kaj al kiuj povas legi angle, certe la cetero de la gazeto estos tre utila; ĝi eĉ enhavas artikolojn en aliaj lingvoj naciaj. La jarabono estas 14 ŝilingoj; ĝi enhavas 40 paĝojn, 30 x 25 c.m.

Radio-parolantoj ĉiulandaj sendu al mi plej baldaŭ detalojn pri siaj paroladoj: stacio, ondlongo, potenco, dato, horo, temo, tuto aŭ parto de la parolaĵo por eventuala represo, kaj nomo de la parolanto. W. H. MATTHEWS, Sekretario, Radio-Komitato de la B. E. A.

**Kiu havas intereson** pri movadoj religia kaj spirita, tiuj turnu sin al Esperanta ilustrita monata gazeto «Oomoto». La specimenojn oni sendos je via postulo senpage. Oomoto Propaganda Oficejo, Kameoka, Kioto-fu (Japanujo).

**Por Sv. Fr.** 1,50 vi ricevos 10 belajn poŝtkartojn de D-ro Zamenhof kaj S-ro Andreo Ĉe, kaj por Sv. Fr. 0,30: 2 ekzemplerojn de la sveda Ŝlosilo de Esperanto, eldonita, sub la aŭspicioj de I. C.K. — Sendu UEA-kuponojn. Eld. Soc. Esperanto, Fako 698, Stockholm 1.

**Al la membroj de tutmonda Esperantista Kuracista Asocio.** — Kaŭze de tute private-personaj kialoj mi devas rezigni el la ofico de TEKA-prezidanto. La decido estas absolute neŝanĝebla kaj mi ne povus eventualan reelekton akcepti. Ĉe tiu okazo mi plej kore dankas al ĉiuj gekunfratoj, kiuj bonvolis amikece helpadi min en mia laboro por TEKA. Mi transdonas nun la oficon en la spertajn manojn de nia ŝatata vicprezidanto D-ro Robin kaj petas turnadi sin en ĉiuj TEKA-aferoj al: D-ro W. Robin, 113 Marszalkowska, Varsovio (Pollando).

D-ro M. BLASSBERG (Krakow).

---

# BIBLIOGRAFIO

**BIBLIOTEKO NOVA KULTURO** eldonata de Atanas Nikolov, str. Car Iv. Ŝiŝman, n° 19, Burgas-Bulgarujo. Ĝis nun aperis la jenaj 4 kajeroj 24-paĝaj 12 x 19,5 cm.:

N° 1 - La Alta Idealo, de Petr Dânov; esperantigis Dian.

N° 2 - La Granda Leĝo, de Petr Dânov; esperantigis Dian.

N° 3 - La Blankaj Fratoj, de St. Vatralski; el la bulgara tradukis Dian. Reviziis: Zah. Zahariev.

N° 4 - La Kolektiva Konscio, de P. Danov; el la bulgara tradukis Dian. Prezo de ĉiu broŝuro: sv. fr. 0,40 Jarabono (10 numeroj): sv. fr. 3.

**BAHAAJ PRUVOJ DE VIVO POST MORTO** de Martha L. Root. 8-paĝa broŝuro 15,5 x 23 cm. Eldonis 1928; Bahaa Esperanto-Eldonejo, Poŝtfako 8, Wandsbek (Germanujo). Prezo ne montrita.

**ĈU ESTAS EBLA KAJ NECESA INTERNACIA HELPLINGVO** de D-ro Ivan D. Ŝiŝmanov, kun permeso de l'aŭtoro tradukis el Bulgara lingvo Atanas D. Atanasov-Ada. 32 paĝoj 11,5 x 15 cm. Eldonis 1928 Bulgara Esperantista Asocio, Sofia. Prezo : sv. fr. 0,50.

**GRAMATICA, EJERCICIOS Y DICCIONARIO DEL IDIOMA INTERNACIONAL AUXILIAR ESPERANTO** por José Anglada Prior. Malgranda gramatiko fundamenta kun ekzercoj kaj vastaj vorto-listoj. Dua eldono. 60 paĝoj 13 x 19 cm. Memeldono de la Aŭtoro: Barcelono, Strato Sitjas 8. Prezo: Pes. 1,50.

**L'INITIATION A L'ESPERANTO** par M. Rollet de l'Isle. Franclingva broŝuro enhavanta la plenan informaron pri Esperanto, ĝia deveno, ĝiaj fundamentaj principoj konsistaj, pri la historio de nia lingvo kaj de nia movado, kaj pri la propagando por Esperanto. 78 paĝoj 13 x 21 cm. Eldonis 1928: Belga Esperanto-Instituto (Koopera Societo), 11, rue du Petit Chien, Antverpeno. Prezo: belg. fr. 3,50. Tre utila libreto por ĉiu propagandisto kiu konas francan lingvon.

**LITERATURA INFORMILO N° 5** eldonata de la Esperanto-Fako ĉe la Eldonejo Ferd. Hirt & Sohn en Leipzig. 16 paĝoj 16,5 x 24 cm. Enhavas kelkajn interesajn artikolojn, inter kiuj ĉefe notinda estas tiu de Andreo Ĉe pri lia metodo en la instruado de Esperanto.

**KLARI**, romano de Myriam Catalany, el franca lingvo tradukita de Em. Robert. 136 paĝoj 10 x 15 cm. Eldonis: Espero Katolika, 55 rue de Vaugirard, Paris VI^e^. Prezo: Fr. fr. 7,—.

**«NIA DEKTRIA» KONGRESO DE LA INTERNACIA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA.** Tilburgo (Nederlando) 12-15 Aŭgusto 1928. Kongres-libro. 70 paĝoj 14 x 22 cm. Programo kaj artikoloj pri la Esp. movado inter katolikoj. Dek-duo da Esperanto-kantoj.

**TEOZOFIO KAJ ĜIA DOKTRINO.** Okpaĝa broŝuro 25 x 23 cm. eldonita de Teozofia Esperanta Ligo, Krakovska 17, Praha II. Prezo : sv. fr. 0,20.

**LA HUMANITARISTAJ PRINCIPOJ KAJ LA INTERNACIO DE LA INTELEKTULOJ** de Eugen Relgis. El la rumana lingvo tradukis S. Prager. 48 paĝoj 14 x 22 cm. Presita kaj mendebla ĉe Belga Esperanto-Instituto, Kleine Hondstraat, 11, Antverpeno. Prezo: sv. fr. 0,50.

**INTERNACIONALSTENOGRAFIO** en ĉiuj kulturlingvoj. Aldono por la Gvidilo en Esperanto. Enkonduko kaj tri partoj de F. de Kunovski. Unua Parto (Germana, Angla, Franca, Hispana, Itala, Pola, Rusa) reviziita de H. J. Hoen. 16 paĝoj 14 x 23 cm. Eldonejo: Instituto de Internacionalstenografio, Friedenstr. 79, Duisburg (Germanujo). Prezo: Rmk. 1,—.

**LA KONSCIENCO RIPROĈAS** de August Strindberg. El la sveda lingvo Esperantigis G. H. Backman. Kun antaŭparolo de Marie Hankel. 60 paĝoj 12 x 18,5 cm. Eldonis la aŭtoro; adreso : Ramlösa Brunn, Svedujo. Prezo: Sv. Kr. 1,—.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

## 18, Rue Neuve, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO

TELEGRAF-ADRESO : " PERFECTA ,, GENT

TELEFONO : 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kauĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---

EKSPORTADO




CIE AL ĈIUJ HAVENOJ

**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**
de la

**Belga Ŝtatfervoja estraro :**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**
**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# Scheerders-Van Kerchove's

VEREENIGDE FABRIEKEN *(Naamlooze Vennootschap)*

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)